# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo Google Translate Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 25/05/2017 Tricentdudektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **865,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo



Marko Cuffez, Roger Springer, Jano Wylles, Chris Holliss, John Tracey, Eunice Graham

La 20a de Majo estis la tria Sabato. La vetero, spite al la prognozo, estis seka kaj bona. Kiel kutime, ĝi estis bona kaj interesa kunveno, Poste Marko venis al mia domo kaj spektis miajn fiŝojn, ktp. *Roger Springer*



★★★ Denove bona etoso okazis Sabaton ĉe la kajo. Ni ege ĝuis la viziton de Marc Cuffez el Belgujo.

Dum du monatoj li vojaĝis kaj NovZelandon kaj Aŭstralion por rigardi multajn belajn interesajn lokojn kiujn oni povas spekti en sia fajsbuko. Estis tre okupata vojplano.
Tamen, bonŝance, Marc havis sufiĉan tempon por trinki unu lastan kafon en Manlio antaŭ ol li hejmen iris al Ostende, la venontan tagon.
Bonan vojaĝon Marc! *Chris Holliss*



*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo. Roger Springer*



# La klareco de Esperanto.



Etnaj lingvoj havas esprimojn, kiuj povas komprenati laŭ du malsamaj signifoj. La angla lingvo havas grandan plejmulton da tiaj miskomprenigaj esprimoj dusencaj. Ofte la ĉirkaŭaj vortoj indikas, kiu el tiuj du signifoj celiĝas, sed ne ĉiam. Ofte la tono uzata donas la signifon de la dusenca esprimo angla. Ekz. *Some women like bullying husbands*. “Kelkaj virinoj ŝatas tirani edzojn” kaj “Kelkaj virinoj ŝatas tiranajn edzojn”. Kompreneble elnaskiĝaj angloparolantoj sentas tiujn dusencecojn kaj iomete aliformigas unu aŭ la alian esprimon, aŭ ambaŭ. Sed ĉar nun tiom multe da angloparolantoj ne estas tiaj elnaskiĝaj, la miskomprenoj plimultiĝas.

Kvankam sufiĉe multas tiaj miskomprenigaj esprimoj dusencaj, kiuj kelkfoje havas eĉ tri aŭ kvar malsamajn signifojn en la angla lingvo, mi mencias hodiaŭ nur kelkajn pliajn. *We should stop criticizing parents*, “Ni ĉesigu kritikantajn gepatrojn” kaj “Ni ĉesigu kritiki gepatrojn”. Same*: Criticizing parents could be more harmful than criticizing parents*. Kio estas pli “*harmful*”? Ne eblas scii en la angla lingvo. Alia ekzemplo: *Striking policemen may cause more trouble than striking policemen.* Kio kaŭzas pli da *“trouble*”? Oni ne scias. Same*: Don’t encourage striking policemen*, “Ne kuraĝigu frapi policanojn” aŭ “Ne kuraĝigu strikantajn policanojn”.

Elnaskiĝaj angloparolantoj ĝenerale ne miskomprenas, ĉar ili subkonscie sentas la dusencecon kaj uzas aliajn alternativojn por eviti la miskomprenon. Sed lernantoj kaj lernintoj de la angla lingvo, ja multegaj, ne havas tiun subkonscian senton akiritan dum la plej frua lernado de la lingvo, kaj tial uzas la dusencajn esprimojn.

En aliaj etnaj lingvoj tia dusenceco okazas multe malpli, precipe ĉar tiuj AŬ uzas infinitivojn anstataŭ participoj, AŬ ili havas malsamajn formojn por similantaj transitivaj kaj netransitivaj verboj. AŬ ambaŭ. Eĉ malpli en Esperanto. En la angla lingvo parto de la dusencaĵoj kaŭzatas de la participoj, kaj ankaŭ tial mi konsilis en n.ro 322 eviti en Esperanto verbformojn kun participo.

*Marcel Leereveld*.



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto



### Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (6a parto)

Poste ni iris hejmen al nia malvarma loĝejo, sed kompreneble ni ne povis resti longe en tiu loĝejo. Ĝi estis tro malvarma, ĉar ĝi estis nur malnova bovinstalo, kaj post unu vintro tie, ni decidis transloĝiĝi refoje al Kopenhago.

Ĉar estis multekoste loĝi en Kopenhago, la sola solvo estis mem konstrui domon. Mia patro biciklis al ekster Kopenhago, al antaŭurbo 'Valby'. Tie li luprenis terpecon periferie de Valby. Tiu terpeco kostis tiam nur 10 kronojn por tuta jaro. 10 kronoj estas hodiaŭ A$ 2.50. Sur tiu terpeco li devis konstrui nian domon. Nu tio povus soni tre malfacila afero, sed ne por mia paĉjo. Li ofte laboris, kiam laboro troveblis, kiel masonista helpisto, kvankam li estis bakisto. Li do sciis iom pri konstruado, ĉu ne ? Kaj multon pri bakado ! Ĉiun matenon li biciklis al unu el la forĵetindaĵejoj ekster Kopenhago. Tiu forĵetindaĵejo troviĝis proksime al la fabriko "Ford", kiu ricevis el Usono, per ŝipo, aŭtomobilpartojn, kiuj estis kunigataj tie, kaj vendataj. Nu, tiam estis permesate eniri la forĵetindaĵejon kaj forpreni kion ajn. Mia patro do iris kaj forprenis la grandegajn kestojn, en kiuj estis la aŭtopartoj. Li povis meti nur unu sur la biciklon, kiun li do puŝis al sia terpeco. Li faris kelkajn tiajn vojaĝojn ĉiutage, kiam li ne havis laboron. Iom post iom tre eta domo estis preta, kaj ni povis enloĝiĝi.

Estis tre interese. Mia onklo Johano helpis nin. Li gvidis la ĉevalon, kiu tiris la veturilon kun niaj posedaĵoj. Estis tiom da malmultaj posedaĵoj, ke estis facile trovi sidlokon sur la veturilo. Kiam ni alvenis al Valby, ekpluvis. Mia onklo trovis la dometon. Mia paĉjo ĉirkaŭrampis prinajlante la plankon, kaj pluvo envenis tra la tegmento. Tie ni devis loĝi. Mia onklo helpis finfari la plankon, kaj dum ili ambaŭ poste grimpis sur la tegmenton por kovri ĝin per gudropapero, mi kaj mia frato devis iri al la bakisto por peti de li akvon, ĉar mia panjo decidis, ke nun ni trinku kafon en nia propra hejmo.

Ni uzis primuson en la unuĉambra dometo. Tie ni do loĝis. Iom post iom la dometo pligrandiĝis, sed nur malrapide. Ĉiun tagon Paĉjo hejmen portis alian Ford-keston, kaj iun belan tagon ni havis ankaŭ kuirejon. Ni faris nian propran kloakon, kaj Paĉjo fosis puton, konektis ĝin per tuboj al pumpilo en la kuirejo, kaj ni fakte vivis tre lukse kaj preskaŭ senkoste en nia domo. Aldoniĝis dormoĉambro, poste li konstruis "virgulinejon", t.e. speciala ĉambro por Gerda, mia fratino. Sekvis tiam verando, tiam lavejo kun lavkaldrono kaj lavbreto. La ĝardeno plibeliĝis, ni havis kortbirdojn kaj kuniklojn. Børge kaj mi havis centojn da blankaj musoj kaj kobajoj.

Paĉjo konstruis laŭbon. Li konstruis ĝin el ligno, kaj farbis ĝin verda. Por ŝpari monon li faris la tegmenton el jutŝtofo. Ĝi estis tre bela, sed kiam "Gråper", kuŝis sur ĝi, ĝi montriĝis esti ne sufiĉe forta, ĉar tiam ĝi, pro la pezo de la grandega kato, malsupren iris ĝis preskaŭ la supro de niaj kapoj !

Do Paĉjo deprenis la jutŝtofon kaj anstataŭigis ĝin per ligna tegmento, kiun li kovris per gudropapero. Nun ni havis vere belegan laŭbon, en kiu ni povis sidi eĉ dum pluvado, kaj manĝi nian rabarban kaĉon !

Iom post iom venis ankaŭ aliaj por loĝi ĉirkaŭ ni. Domo post domo aliĝis al la ĝardenaro, pluraj centoj fakte, ĉar nia domo estis n-ro 205. La ĝardenaro oficiale eknomatis

"Gammel Enghave", t.e. malnova herbejĝardeno. Estis tre bone, eĉ bonege dum la someroj, sed la vintroj estis teruraj. Tiam multaj genajbaroj iris pasigi la vintron en siaj komfortaj luloĝejoj en Kopenhago. Luloĝejoj kun fluanta akvo kaj elektra lumo.

Iun matenon vekiĝis Gerda en sia lito apud la fenestro. Kvankam la fenestro estis fermita la tutan nokton, ŝi tamen vekiĝis kun maldika tavolo da glacio ĉirkaŭ la buŝo kaj nazo. Fakte estis tro malvarme por infanoj, kiel ankaŭ por plenkreskuloj en tiu domo.

Mia patro do konstruis alian internan muron, kaj inter la du muroj li ŝtopis ĵurnalpaperon. Tio daŭris, kompreneble, iom da tempo, fakte iom tro longe, sed ĉirkaŭ printempo la domo estis komforte varma, parte pro la pli ofta aperado de la suno. La blankaj musoj, post kiam ili sukcesis forkuri el siaj kaĝoj tre ŝatis kaŝi sin inter la du muroj.

*Daŭrigota* Bob Felby



# En mia ĝardeno kaj aliie.



La vetero en Melburno ĝis nun, kaj iom plu, tre belas, kun multe da sunbrilo, kaj agrablaj temperaturoj. Kelkaj plantoj floras duan fojon. Aliaj, precipe la arboj, vidas aŭ sentas la altecon de la suno en la ĉielo, kaj obeas tion, kaj iliaj folioj falas aŭ bruniĝas kaj ruĝiĝas. Evidente plantoj havas malsamajn manierojn por senti la sezonojn. Precipe la alikontinentaj, ĉar la indiĝenaj plantoj ŝajnas ne ŝanĝi sian sezonan ritmon. Sed kiam ni havos varmajn tagojn en la vintromezo, eĉ fremdaj arboj restas dormantaj. Dum ni, la homoj, sunbakas nude. Intertempe mi forbrulis multajn branĉojn, falintajn aŭ forhakitajn, kaj multe da misherboj, ĉar en Junio kaj Julio ne permesatas en nia regiono en Melburno havi fajron eksterdome. Unu el miaj akacioj (wattles) preskaŭ floras; antaŭ kelkaj jaroj ventego faligis ĝin sur mian vojflankaĵon (nature strip) kaj nun ĝi okupas grandan parton, blokante trairon. Mi lasis ĝin kaj en la vintro ĝi montras maron da floroj, tre impona por la preterpasantoj. Alia akacio el la tri kiujn mi havis mortis pasintan jaron, kaj mi ne scias la tialon. Ĝi kreskis tre alte, por konkuri kun la altaj eŭropaj arboj proksimaj. La tria, ree malsama speco, bone fartas. Ambaŭ kreskas aŭ kreskis en sufiĉe malseka grundo.

Leginte la duan klarigon de Donald mi decidis nun uzi la simplan "vetermalseko", kio sufiĉas por nescienca termino. Ja en Eŭropo ni simple diras "Estos malseke aŭ estos seke", kiam povos aŭ pluvi aŭ hajli aŭ neĝi. Tio malinkluzivas nebulon, kiu ja ne malsekigas nin. Por la ĉiutaga vivo mi lasas la sciencajn terminojn por la sciencistoj.

Antaŭ kelkaj tagoj malfermatis ekspozicio pri Vincent van Gogh en la Nacia (= viktoria) Galerio en Melburno. Mi kompreneble jam vizitis dum mia vivo multajn ekspoziciojn pri Van Gogh, en Holando kiel en Aŭstralio, kaj legis verkojn kaj recenzojn pri la fanĥoĥaj artaĵoj, sed ĉifoje mi decidis unue legi kion pri li diras la konata arthistoriisto Kenneth Clark, kiu pri arto havas malsamajn opiniojn ol plej multaj arthistoriistoj. La malsameco kuŝas ne nur en lia religiema spirito kiu volas klarigi kio en arto estas "bona" por ni, sed precipe pro lia emo juĝi ĉiun artaĵon laŭ la kriterio ĉu ĝi donas plezuron al ni. Kvankam mi samopinias kun Clark pri pluraj el liaj priartaj opinioj, mi certe kaj tute malkonsentas kun lia opinio ke la arto de Van Gogh estas "malbona pentrado, embarasa, distordiĝo, malbongusta kaj kontraŭ la tradicia ordo de la naturo". Li speciale mencias kiel ekzemplojn de tio la famajn fanĥoĥajn pentraĵojn "La cipresoj" kaj "La heliantoj", la sunfloroj. Mi malsamopinias pri tio ĉar la fakto ke mi ne vidas la cipresojn laŭ la maniero laŭ kiu Van Gogh vidas ilin, estas neesenca. Kio estas esenca

estas, ke mi povas vidi kiamaniere Van Gogh vidis la cipresojn kaj la heliantojn, kaj mi povas tiel vidi ilin pro la supereca artesprimo de Van Gogh. Ne estas arto montri kiamaniere la rigardanto vidas la mondon, sed kiamaniere la artisto vidas la mondon. Ni bezonas imagi la vidon de la artisto, kaj la kvalito de la arto de la artisto helpas nin fari tion. Ju pli bona la artisto, des pli ni ŝatas artaĵon pro povi transdoni liajn/ŝiajn sentojn, kiuj riĉigas niajn proprajn sentojn . En la kazo de Van Gogh ne la pentraĵo, kiel Clark sugestas (= *insinuates*), sed nur la artisto estas freneza (la vortoj de Clark), se vi volas. Kaj Van Gogh kun siaj frenezetaj tendencoj tamen kapablis majstre tiom priskribi kion li vidis, ke li estas unu el la grandaj artistoj de la historio de la homaro. Arto estas montri la naturon per malsamaj okuloj ol ĝin montras la malvarmsanga realeco. La samo okazas en aliaj artformoj, kiaj la literaturo. Kaj kelkfoje ni ja ametas vidi alie la mondon.

Al Bert: ci mencias ke KAJ la robinio KAJ la sumako estas invademaj arboj. Ci verŝajne celas diri ke ili havas la kutimon kreski radik(arb)idojn. Nu, estas certa ke miaj cedroj ne faras tion, ne povas fari tion: iliaj idoj venas nur el semoj. Cetere nur relative tre malmultaj plantoj faras tion, kaj unu el tiuj estas la robinio. Mia najbaro havas plurajn, kaj iliaj manĝeblaj floroj parte falas sur mian ĝardenon. En Francujo oni kuiras ilin metante ilin en bolantan oleon. Mi kelkfoje manĝis ilin tiel. Sed la arbidoj elkreskas en mia ĝardeno kaj mi devas regule venenigi ilin.

Marcel Leereveld.



# AEA informas.

    

**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2017-05-18 AEA raportas:



Nian lastan Skype estrarkunvenon ĉeestis:
**Indrani**, Joanne, Jonathan, Sandor; Ilia el Indonezio

### (1) DUA TRI-LANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni daŭrigas la preparadon por la dua trilanda kongreso en marto 2018 en Bekasi.

* La proponita flugfolio por la kongreso ankoraŭ ne estas tute preta.
* Mankas ankoraŭ unu instruisto….. Ni esploras/os kelkajn proponojn.
* Ni daŭrigas la diskuton kun Zhou-Mack, la muzikisto kaj Humphrey Tonkin, la speciala gasto
* La indonezianoj reklamas en Indonezio. Ni (AUS & NZ) klopodas altiri internaciajn gastojn

### (2) SOMERKURSARO/KONGRESO Januaro - 2019

Ni – pli aŭ malpli – decidis ke la venonta somerkursaro/kongreso okazu en Adelajdo.

Venonta kunveno: Ĵaŭdo, la 01/06/2017 je la 17:00 (Melburna tempo)

Esther, **Indrani**, Joanne, Jonathan, Sandor

# DO YOU LIKE LEARNING LANGUAGES?

Ĉu vi ŝatas lerni lingvojn?

## Do you want to communicate with people from all around the world?

Ĉu vi volas komuniki kun homoj en la tuta mondo?

## The easiest language to learn is

La plej facile lernebla lingvo estas

# ESPERANTO

The international language

La internacia lingvo

# INTRODUCTORY LESSONS

Queen's Birthday weekend,

June 10 and 11, 10 a.m. till 3 p.m.

The Box Factory, 59 Regent St South, Adelaide

Contact: 8297 6125 or 0458 215 624

**Information about Esperanto:** http://aea.esperanto.org.au/ http://duolingo.com/course/eo http://lernu.net/en

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Saluton al vi el Adelajdo,

## Teatrumado

La 21-an de Majo Indrani gastigis en sia domo la adelajdanojn, kiuj ŝatas teatrumi. Oni tradicie preparas skeĉojn, ŝercajn legaĵojn, pup-prezentaĵojn ks. por amuzi sin kaj la ĉeestantojn. Ankaŭ ĉi-foje ni bone aktoris kaj ridis unu pri la alia kaj, kompreneble, bonguste manĝis la kunportitajn manĝaĵojn. *Katja Steele*





Fotoj 1, Sandor Horvath 2, Charles Stevenson 3, Cathy Taggart

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Pli pri nomoj

Legante en AE 322 la 'romaneton' pri la diversaj nomoj kiujn la kompatinda Indrani Beharry-Lall devis suferi dum la jaroj, mi ne nur ridis, sed *belly*(ventroskue)-ridegis.

Ve, vere plendinda afero,malgraŭ la gaja ridigo.😁😟

Kaj la lastaj frazoj de mia amikino eble iomete cerbumigis niajn legantojn. Do, mi invitas Indrani riveli la kromnomon (ho, la franca *sobriquet* estas tiom bela...*)* kaj ankaŭ ĝian devenon, en AE324. *Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Kunveno de la Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo ĉe Wyong, NSK

La Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo kunvenis ĉe Wyong Golf Club, Dimanĉon, la 21-an de Majo.

Kutime, ni havas kunajn kunvenojn kun la Novkastela Esperanto-Societo en kafejo apud la stacidomo. Tamen, ĉar neniuj novkastelanoj povis ĉeesti, ni decidis moviĝi al loko iom pli "eleganta". Estis malgranda sed ĝua kunveno. Kvar homoj partoprenis: Joanne Cho, Alan Turvey, Eckhardt Roehrich kaj Jonathan Cooper (en la foto, de dekstro maldekstren).

Alan, kiu fakte ĵus revenis al Aŭstralio la antaŭan vesperon, raportis pri sia vizito al Japanio, pro invito de asocio de radioamatoraj esperantistoj. Li montris al ni multajn fotojn kaj

du malgrandajn memoraĵojn el la provinco Fukuŝimo, faritajn el ligno de domoj detruitaj per la cunamo de 2011. (Tiuj estas vendataj por finance helpi la rekonstruadon.) Alan certigis al ni, ke ili ne estas (tro) radioaktivaj!

Niaj kunvenoj okazas ĉiumonate je la tria dimanĉo, inter 11:45atm kaj 13:30ptm, kutime ĉe Albert's Cafe, Wyong. Ĉiuj bonvenas. Por pli da informo, vidu la retpaĝon esperantohouse.org.au/eo/events/cc. Raportis *Jonathan Cooper*







# Semajna raporto de Melburno

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 21an de Majo tri homoj kunvenis ĉe Cafe Beer Deluxe. Ni babilis kaj faris iom da programado pri Esperanto-ludo en kiu oni devas diveni vorton per elektado de literoj.

Mi mendis tablon kaj la signo kiun oni metis tie diris ne "Melbourne Esperanto Association" sed "Melbourne Desperado Association"!

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 22an de Majo ses homoj (inkluzive de unu komencanto kiu finis la Duolingo-arbon) kunvenis ĉe Ross House. Ni legis kaj tradukis el la plej lasta eldono de ESK (havebla tre baldaŭ!). Post la tepaŭzo ni faris kvizon de Esther.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Sabaton 27an de Majo je 19:00 Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

Dimanĉon 28an de Majo je 15:00 Kunveno por komencantoj ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square

Lundon 29an de Majo je 18:30 Adiaŭfesto por la Bishops ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 789 Instagram – 67

Facebook – 291 Telegram – 20

Twitter – 248

*Joanne Johns*



Saluton el Brazilo La 21-an de Majo:

## Monda Tago de Kultur-Diverseco por Dialogo kaj Progreso

*"La defendado de kultur-diverseco estas etika postulo, nedisigebla de la respekto al homa digno. Ĝi implicas sidevigon pri respektado al homaj rajtoj kaj al fundamentaj liberecoj, aparte al la rajtoj de homoj, kiuj apartenas al malplimultoj kaj alaŭtoktonaj popoloj. (Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj – UNESKO – 2002)"*

*Ĉu vi interesiĝas pri tiu ege nuntempa, defia afero? Se Vi respondas "JES", **do nepre aliru** al la aŭdaca tezo, kiun aŭtoris kaj defendas la verkisto Paiva Netto. Tiu koncerna artikolo estas legebla ĉe **Intermiksiĝo en la mondo estas neevitebla*** https://goo.gl/sBdMKM

El la centra sidejo de Legio de Bona Volo en urbego San-Paŭlo

Plej amike kaj kore, s-ino Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com



# FLAGOJ DE LA MONDO

Sendis *Esther Parris* AE323

| Flago | Lando Ĉu vi konas la flagojn? |
|---|---|
| | Landnomo: Respubliko Angolo<br>Ĉefurbo: Luando<br>Ŝtatestro: José Eduardo dos Santos |
| | Landnomo: Belorusio aŭ Belorusujo<br>Ĉefurbo: Minsko<br>Ŝtatestro: Aleksandro Lukaŝenko |
| | Landnomo: Ĉeĥio (aŭ Ĉeĥujo, oficiale la Ĉeĥa Respubliko)<br>Ĉefurbo: Prago<br>Ŝtatestro: Miloš Zeman |
| | Landnomo: Finnlando (ankaŭ Finnio, Finnujo, Finlando, Suomio aŭ Suomujo)<br>Ĉefurbo: Helsinko<br>Ŝtatestro: Sauli Niinistö |
| | Landnomo: Islando<br>Ĉefurbo: Rejkjaviko<br>Ŝtatestro: Guðni Th. Jóhannesson |
| | Landnomo: Libano<br>Ĉefurbo: Bejruto<br>Ŝtatestro: Michel Aoun |
| | Landnomo: La Federacia Respubliko Niĝerio aŭ Niĝeria Federacia Respubliko<br>Ĉefurbo: Abuĝo<br>Ŝtatestro: Muhammadu Buhari |
| | Landnomo: Rusio, Ruslando aŭ Rusujo<br>Ĉefurbo: Moskvo<br>Ŝtatestro: Vladimir Putin |
| | Landnomo: Sirio<br>Ĉefurbo: Damasko<br>Ŝtatestro: Baŝar al-Asad. |
| | Landnomo: Jemeno<br>Ĉefurbo: Sanao<br>Ŝtatestro: Abdrabbuh Mansour Hadi |

| Flago | Lando? |
|---|---|
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |



# Marc Cuffez vojaĝis tra Novzelando kaj Aŭstralio



De la 25a de Februaro ĝis la 22a de Majo mi faris rondvojaĝon tra NovZelando kaj Aŭstralio.

En NovZelando mi vizitis la Nordan Insulon kaj restadis en Auckland, Hamilton, Rotorua, Napier kaj Wellington.

Fine de Marto mi flugis de Wellington al Sydney. En Aŭstralio mi restadis en Kanbero, Albury-Wodongo, Melburno (St Kilda), Halls Gap (Grampians Nacia Parko), Adelajdo, Katoomba (Blua Montara Nacia Parko) kaj Sidnejo (Redfern). En Sidnejo mi restadis dum 11 tagoj en la Esperanto-Domo en Redfern.

Mi renkontis Esperantistojn en :

- Melburno : renkontiĝo por la 100a datreveno de la morto de Ludoviko Zamenhof kaj radio intervjûo kaj tre bona Paska lunĉo.

- Adelajdo : 2 kunvenoj : 1 en kunvenejo de la klubo kaj 1 en la ŝtata biblioteko kun Trevor Steele
- Sydney : kunveno en Manly

Mi tre ĝojis ĉiun renkontiĝon kaj mi ankaŭ tre ĝojis mian vojaĝon tra NovZelando kaj Aŭstralio.

Ĉar mi ŝatas marŝi mi volis partopreni la solajn internaciajn marŝojn de IML (International Marching League) en Rotorua (NovZelando) kaj Kanbero (Aŭstralio).
Tio estis la plej granda celo por veni tien.

Mi hieraŭ bone revenis hejmen je la 13a20 (21a20 Aŭstralia horo) post longa flugo de Sidnejo tra Ŝanghai al Amsterdamo kaj poste preskaŭ 5 horojn da trajno kun ŝanĝo en Antverpeno.

Korajn Salutojn el Flandrio kaj ĝis en Esperantujo

*Marc Cuffez,* Oostende, Flandrio (Belgio)





**3ZZZ** En la elsendo de la 22a de Majo eblas aŭdi la vidpunkton de loĝanto de Kubo pri homo, kiu ludis gravan rolon : Fidel Castro , kaj analizon de la sekvoj de la Eŭropa kanzonkonkurso . Eblas ankaŭ ekscii pri la fantomoj en la britaj trajnoj

Franciska Toubale